# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Aperanta de 1949**

Ĉefredaktoro: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@nexo.es

Kunlaborantoj: Salvador Gumá, Mguel Fernández, Vicente Hernández, Andres Martín, Luis Serrano, Antonio Valén, Antonio Marco.

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la respektivaj aŭtoroj. La redaktisto rajtas rifuzi ne petitajn artikolojn.*

## Enhavo




## Hispana Esperanto-Federacio

**Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto: 14.011.966, Caja Postal**
**admin@esperanto-es.org**
**www.esperanto-es.org**

# Nia montrofenestro allogas




Esperanto denove tiris la atenton de hispana amaskomunikilo, kaj, plian fojon, tio okazis danke al la ttt-paĝoj de Hispana Esperanto-Federacio. Fakte, kiam la HEF-estraro decidis investi parton el siaj magraj enspezoj en la kreado de hispanlingva informejo, pri la Asocio mem kaj pri Esperanto ĝenerale, tio okazis ne sen debato en la sino de la gvidanta organo.

Unu el la multaj proponoj pritraktitaj estis la investado en Informado al la ĝenerala publiko, pere de la plej legataj naciaj ĵurnaloj (El Pais, El Mundo, ABC, ktp...), sed jen precipe la altaj kostoj bremsis la projekton favore al interreta varianto. Nun montriĝas ke la Estraro ne mistrafis en sia elekto, ĉar la ttt-paĝoj de HEF estas daŭre vizitataj de ne nur miloj da "interesitoj" kaj "scivoluloj", sed ankaŭ de plej diversaj ĵurnalistoj, kiuj alte taksas la kvaliton de la paĝoj kaj rekomendas ilin al la legantoj de siaj respektivaj ĵurnaloj.

Ĉi okaze la informo pri la ttt-paĝoj de HEF aperis, kune kun eta foto, en la semajna gazeto "mh" (Mujer de Hoy), 10a paĝo, 28a n-ro, semajno 23a ĝis la 29a de oktobro. Ĉi revuo, suplemento de la sabataj ĵurnaloj eldonitaj de "Grupo Correo" kaj de aliaj en la tuta lando, precipe celas virinojn.

*Miguel Gutiérrez*

# Eŭroparlamenta agado

En rekta kunlaboro kun s-ro G. Pirlot, kunordiganto de la informa agado ĉe la eŭroparlamentanoj, HEF sendis al la hispanaj deĵorantoj de la "Komisiono C-13 pri kulturo, junularo, edukado, amas-informiloj kaj sportoj", leteron kune kun la broŝuro *Pro Esperanto*. El la ricevintoj, ĝis nun venis la respondo de s-ino Theresa Zabell. Ŝia letero tekstis jene:

«Estimado Sr.: He recibido su interesante documentación, que estudiaré con detenimiento. Espero que tengamos la oportunidad de vernos. Un cordial saludo.

T. Z.»

HEF plu kontaktos la komisionanojn.

*Ana Manero*

# Paŝon Post paŝo...

HEF sukcesis ricevi apartan statuson per kiu ĝi estas esceptita el la pago de la imposto pri nemoveblaĵoj (*exenta del pago del impuesto sobre bienes inmuebles*). Post pluraj monatoj de atendo finfine alvenis en la oficejon konfirmo, ke ni atingis tiun rajton. La sekretario debis prezenti ĉe la koncerna instanco ampleksan raporton konsistantan el diversaj dokumentoj pri HEF kaj pri ties aktivado, kaj ankaŭ ateston el Ministerio de Enlandaj Aferoj pri tio ke ni akurate plenumas niajn administrajn devojn kiel Asocio de Publika Utilo. Pasintjare la monkvanto pagita pro tiu imposto estis 15.412 ESP.

*Ana Manero*

# Estrar-kunsido

La HEF-estraro kunsidos, fakte ĝi jam kunsidis kiam vi legos ĉi liniojn, la 13an de novembro de la 10a horo en la sidejo de la Asocio.

La provizora tagordo konsitas el pluraj punktoj. Inter ili elstaraj la bugxeto por la jaro 2000, la eventuala reeldono de *Nuevo Método de Esperanto*, la Hispanaj Kongresoj de la jaroj 2000 kaj 2001, la preparoj por Expolingua-2000, la eventuala aĉetado de nova komputilprogramo ContaPlus por pli adekvate teni la kontojn de la asocio, ktp, ktp, ktp.

Nu, sendube multe da laboro atendas la estraron. Ni esperu ke ĝiaj decidoj estu daŭre trafaj.

*Manolo Parra*



# Donacoj




**Donacoj**

S-ino Lupe Sanz donacis jenajn librojn por la HEF-biblioteko:

Skizo pri Ĉinio. Eldonita de El Popola Ĉinio.

Dek ses urboj de Ĉinio. Eldonita de Ĉina Esperanto-Eldonejo en 1984.

40 vidindaj lokoj en Ĉinio. Eldonita de Ĉina Esperanto-Eldonejo en 1984.

Ĉina Esperanto-Eldonejo en 1984.

Ankaŭ Frateco donacis al la oficejo jenajn librojn:

La lando de Avar González (A. Machado)

Eterneco (A. Núñez Dubus)

Filozofio de fantomo (W. Fernández Flórez)

XVIII Internaciaj Floraj Ludoj

Kun sopira koro. (G.A. Bécquer)

¿Qué es el Esperanto? (J. Mangada)

Kroniko el la historio de Frateco (A. Marco Botella)

La ingenia hidalgo Don Quijote de la Mancha (M. Cervantes)

Ili jam estas parto de la Biblioteko Juan Régulo Pérez, kiu daŭre riĉiĝas.

*Ana Manero*

**Memoru** ke vi povas daŭre uzi por viaj donacoj al Hispana Esperanto-Federacio la bonan konton n-ro 14.011.966 ĉe Caja Postal.

Ni memorigas **al** ĉiuj hispanaj geesperantistoj, ke Fonduso Esperanto ekigis kampanjon por subvencii konkretajn projektojn favore al la disvastigo de la internacia lingvo Esperanto en Hispanio. Ĉiuj hispanaj E-asocioj kaj individuaj esperantistoj rajtas prezenti projektojn, laŭ la regularo publikigita en la n-ro 342a de Boletín. Fakte, Fondaĵo Esperanto jam sendis tiun regularon al ĉiuj hispanaj grupoj.

La Fondaĵo, pere de ĉi kampanjo, prefere helpos unuruan projekton, tamen se la kvalito kaj graveco de diversaj agad-planoj tion meritos, oni disdonos la subvencion inter pluraj projektoj.

Alia projekto de la Fondaĵo, realigebla fine de la jaro 1999 kaj komence de la jaro 2000, estas studi la eblecojn eldoni verkon en aŭ pri la internacia lingvo. Pro tio, ni sciigas ĉiujn hispanajn geesperantistojn pri nia intereso ricevi originalojn de hispanaj aŭtoroj, aŭ tradukojn de elstaraj hispan-lingvaj verkoj. Espereble, nova libro en aŭ pri la internacia lingvo aperos venontjare en Hispanio.

Fine, ni komunikas al la respondeculoj de korespondaj kursoj en Hispanio, ke Fondaĵo Esperanto pretas subvencii la lernadon de Esperanto, per tiaj kursoj, fare de personoj kiuj ne havas sufiĉajn mon-rimedojn por pagi la normalan koston de la kurso.

Se vi deziras ricevi pliajn informojn pri ĉi tiuj projektoj, kontaktu:

Fundación Esperanto;
C/ La Cadena 20-22 1 iz.;
50001 Zaragoza.
Aŭ la direktoron de la fondaĵo:
José María Rodríguez Hernández
Fundación Esperanto
Apartado 3142
14080 Córdoba.
Reta adreso: fundacion@esperanto.nu

Ne forgesu ke, vi povas kontribui al ĉiuj projektoj de la Fondaĵo Esperanto per la kontonumero 2085-0101-13-0128624762 ĉe IberCaja (Zaragoza).

*José María Rodríguez.*
*Direktoro de la Fondaĵo*

# 7a IESKT

La 7a Internacia E-Semajno de la Kulturo kaj Turismo okazinta en Cambrils (Tarragona) de la 2a ĝis la 9a de oktobro disvolviĝis laŭ la programo. La 3an okazis la inaŭguro, kun ĉeesto de la urbestro, s-ro Joan Serra i Sabate kaj la konsilanto pri kulturo, s-ro Lluis Colom. La s-ro urbestro instigi diris: "Cambrils estas mediteranea urbo al kiu venas dum somero miloj kaj miloj da turistoj, el la plej diversaj landoj, parolante la plej diversajn lingvojn, do ni bone konas la lingvan problemon". Je la fino la loka "Koruso Virgulino de la Vojo" regalis nin per belaj kanzonoj en la kataluna lingvo.

Aliĝis entute 72 geesperantistoj, 20 eksterlandaj, venintaj el 6 eŭropaj landoj. Tamen al la inaŭgura tago venis 86.

Prelegis: Antonio Cabezos pri "George Orwell kaj nia mondo"; Jesuo de las Heras pri la vivo kaj verko de la ludgitaristo Francisco Tárrega; Jean Amourous, pri la temo, "Paul Berthelot" (li ne venis kaj legis la prelegon Santiago Torné; Giordano Moya pri "Socia evoluo"; Antonio Marco pri "Eŭropo, la naciismoj kaj la multlingvismo"; Nora Caragea pri la libro "Hirt-hara Petro kaj ĝia aŭtoro". Fine de ĉiu prelego estis debato.



*La urbestro eldiras paragrafon en bonega Esperanto kaj la ĉeestantoj aplaŭdas kun kontento*

Cseh-metodan kurson gvidis Carla de Lorenzi kaj estis ekskursoj al: Tarragona, kun vizito al la restaĵoj de la romia epoko kaj al la monumento al "Castellers" (homaj turoj), verko de Francesc Anglés, filo de s-ino Trini García; al Morella (Castellón) kaj al du muzeoj de Cambrils.

Ĉiutage, post la deka, okazis jen amuzaj vesperoj jen debatoj: "Ĉu vi jam havas eŭromonerojn en via poŝo?; Don Kiĥoto kaj ĝia aŭtoro, M. de Cervantes"; "Venu kritikoj, ĉu funkciis bone la Semajno?".

*Luis Serrano Pérez*

**59a Hispana Kongreso de Esperanto**
**aprilo-majo 2000**



# Niaj Grupoj kaj Asocioj

## Andaluzio

* La pasintan 16an de oktobro okazis en la urbo Malago la Ĝenerala Kunsido de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo. Inter la temoj pritraktitaj elstaras jenaj:

- Donaci en la jaro 2000 la lernolibron de M.G. Aduriz al la bibliotekoj de la provincoj Sevilo kaj Huelvo. Ni memorigas ke ĝis nun ricevis ĉi verkaĵon la bibliotekoj de la provincoj Kordovo kaj Jaeno, kaj dum la venontaj semajnoj oni disdonos ĝin al la bibliotekoj de Granado.

- Ekigi novan servon de AEU al siaj membroj. De nun la andaluzaj gesamideanoj povos ricevi perpoŝte la librojn de la biblioteko de AEU. La membroj povos disponi pri la verko dum unu monato kaj poste redoni ĝin al la biblioteko. Entute la AEU-anoj povos legi aŭ konsulti pli ol 100 librojn.

- La Prezidanto de AEU, S-ro Andrés Martín, informis pri la radio-programo kiun la andaluzia asocio regas en *Radio Mar*, radio-elsendejo de Arroyo de la Miel (Malago). La programon oni elsendas sur MF 102.4 MHzo-j kaj ĝi estas aŭskultebla en la marbordo de la provincoj Malago kaj Granado. La programo okazas la unuan merkredon de ĉiu monato.

- Oni decidis organizi okaze de la venonta Zamenhof-Tago, la 11an de decembro, novan renkontiĝon kaj komunan manĝon ĉi-foje en la urbo Granado.

- Oni decidis daŭrigi la kontaktojn kun la blindula asocio ONCE por meti je dispono de la blinduloj librojn kaj vortarojn verkitajn per la brajla sistemo en kaj pri Esperanto. Krome, de nun, nia asocio surbendigos la tekstojn de niaj eldonaĵoj por ebligi la "legadon" de niaj revuoj al blindaj samideanoj.

* La Junulara Asocio *Euroclub* de la vilaĝeto El Chaparral, apud Tarifa, en la provinco Kadizo, partoprenis en la ekspozicio "La gejunuloj kaj la sociaj movadoj" organizata de la Andaluzia Instituto por la Junularo. Tiu asocio starigis standon kie oni informis ĉefe pri la lingvo Esperanto, oni disdonis broŝurojn pri la internacia lingvo al ĉiuj vizitantoj de la stando, kiu kune kun tiu de la Ruĝa Kruco estis la plej vizitata de la ekspozicio.

La ĝenerala sekretario de *Euroclub* Alejandro Iglesias Campos, kiu estas aktiva membro de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo, ĉeestis en Bruselo renkontiĝon de la Reto de Eŭropaj Junular-Kluboj. La kunveno devintus okazi sen akraj diskutoj, tamen germana reprezentanto laŭte protestis ĉar lia german-lingva parolado estis mistradukita en la anglan. S-ano Alejandro Iglesias profitis la okazon por paroli al ĉiuj reprezentantoj pri la taŭgeco de Esperanto kiel ponto-lingvo dum la eŭropaj renkontiĝoj. Ĉiuj partoprenantoj apogis lian ideon kaj samtempe oni akceptis ke ekde nun oni povos uzi la internacian lingvon Esperanto okaze de la kunvenoj de la Reto de Eŭropaj Junular-Kluboj.

**_Ĉu la eŭskaj esperantistoj preparas sin por vere "pinta" renkonto?_**

* En la ĵurnalo El mundo (andaluzia eldono) de la pasinta sabato, 16a de oktobro, paĝo 14 pri Andaluzio, aperas raporto pri la ĵus inaŭgurita Iberoamerika Teatro-Festivalo de Kadizo. Meze de la informo aperas foto kun jena titolo "Un momento de la presentación del Festival Iberoamericano de Teatro, ayer en Cadiz" (Jen aspekto de la prezentado de la Iberoamerika Teatra Festivalo hieraŭ en Kadizo). En la mezo de la foto, kiu bildigas la oficialan inaŭguron de la festivalo, aperas granda panelo anoncanta la teatro-verkon *Esperanto* de la ensemblo *Semola Teatre* (ĉu kataluna?) kies direktoro ŝajne estas Joan Grau.

*José María Rodríguez*

* Ĉe la ttt-ejo de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo oni trovas la programon "Trarigardo de Esperanto-Gazetaro". Temas pri programo, ĉiumarde elsendita de Radio Polonia, En kiu la redakcio prikomentas revuojn de la E-komunumo. Tiu ero aŭskulteblas pere de la ttt-ejo de Pola Radio: www.Wrn.org/ondemand/ poland.html, sed atentu ĉar ĝi malaperas jam la ĵaudon!

Nu, por tiuj, kiuj ne sukcesas aŭskulti ĝin ĝustatempe, AEU disponigas ĝin daŭre en siaj aparte bonaj interretaj paĝoj: http://www.ciudadfutura.com/esperanto

Cetere, la mastrumanto de la TTT-ejo petas al la uzantoj, voĉdoni pere de voĉdonilo situanta ĉe la indekso. Ĝi hispanlingve tekstas "Vota este web del 10 (máximo) al 1 (mínimo)" (voĉdonu pri ĉi tiu ttt-ejo de 10 (maksime) ĝis 1 (minime)".



# Eŭskio

* Kiel anoncite, la pasintan 26an de Septembro, pluraj membroj de la grupo ekskursis al monto Oketa (Alava), kie ili renkontiĝis kun du samideanoj el Vitorio. (Vidu foton). La 17an de oktobro, post rendevuo ĉe la deir-punkto, pluvego igis nin reveni hejmen kun malsekaj vestaĵoj kaj malvarmosento. La 12an de decembro ni ekskursos al "Pico de las Nieves" (Kantabrio), kie ni esperas renkonti kantabrajn geesperantistojn.

* La sabaton 18an de decembro, de la 7:30 h la esperanto-grupo de Bilbao celebros, kiel kutime, la naskiĝdatrevenon de Zamenhof. Post spektado de E-videofilmo kaj vigla parolado, oni sidos ĉirkaŭ tablo plenplena de la trinkaĵoj kaj manĝaĵoj alportitaj de la ĉeestantoj.

* Jam pretas la tradicia kristnaska loterio. Ĉiu bileto, tute esperantigita, kostas 300 ptojn., el kiuj 250 oni ludos efektive kaj 50 restas kiel mondonaco por nia asocio. Petantoj ekster Bilbao aldonu 300 ptojn. al la tuta sumo petita, pro sendokostoj. La ĉi jara numero estas: 47.301. (Vidu foton).

* La pasintan 19an de septembro, la sola eŭsklingva ĉiutaga ĵurnalo, "Egunkaria" aperigis dupaĝan artikolon, riĉe ilustritan per diversaj bildoj, pri la E-movado en Eŭskio. Post intervjuo al Eduardo Larrouy, kie oni rememoras pri la estinteco kaj pri disvolviĝo de Esperanto en la laboristaj medioj, estas kelkaj aludoj al la nuno kaj al la lasta UK en Berlino; la raporto riĉiĝas per artikoleto de du el niaj amikoj el Vitorio, nome, Rafa Blanco kaj Xabi Rico.

* La 8an de oktobro vizitis nian sidejon la nacia televidkompanio "CNN+", ligita al "Canal+". Dum du horoj kaj duono ili filmis diversajn angulojn de niaj ĉambroj kaj intervjuis diversajn ĉeestantojn pri E-o kaj pri la historio de la Grupo. La 15an de oktobro ili revenis por filmi ekster la Grupejo.

* La ĵaŭdon 28an de oktobro, nia amiko Patxi de la Hoz partoprenis programon "KTM" de la eŭska eŭsklingva televido "ETB-1". Temas pri vespera programo adresita al gejunuloj malpli ol 16 jaraj kaj la organizantoj kontaktis nin pere de la interreto.

*J.* Miguel García Iturrioz




*Kion vi farus se via asocio ricevus la plej grandan premion?*
"Fundación Esperanto"



# Kantabrio

La 18an de oktobro pluraj membroj el ACE (Kantabra E-Asocio) faris tre agrablan ekskurson al la pinto de la monto "Pico de las Nieves" (vidu la supran foton) kaj al la bela vilaĝo *Ramales*.

* ACE (Asociación Cántabra de E-o) ricevis invitleteron de la CNT de Torrelavega, dua plej grava urbo de la regiono, en kiu la sindikata grupo invitas nin al estonta kunlaboro en la disvastigo de E-o en la regiono.

Krome, daŭre okazas vesperkunvenoj ĉiuvendrede, en la sidejo de la Asocio, San Fernando 58, principal 8, kiu jam disponas televidilon,videoaparaton, kasedilon kaj komputilon.

La Ĝenerala Kunsido de la asocio okazos, kiel kutime, en januaro. Tiam la membroj havos la okazon elekti novan estraron kaj, verŝajne, ankaŭ pridiskuti la okazigon de iu estonta Hispana Kongreso en Kantabrio.

*Laro Diez*

# Kastilio-Leono

La Grupo "Fido kaj Espero" de Valladolid informas ke ĝi daŭre kunsidas chiuĵaŭde de la 8:15 ĝis la 9:15 en *Centro Civico El Campillo*, Hostieros 1, por babile esperante en la t. n. "Tertulias de Esperanto" (esperantao-babiladoj). La grupo ludos kristnaskan loterion, kaj oni preparas ĉion por festi la Tagon de Zamenhof.

*Rafi Urueña*



*Carmen Suarez, Prezidanto de MEL, proponis helpon al la organizantoj de la venonta HK en Madrido*

# Katalunio

* Ĵus aperis la 28a numero de la KAE-bulteno, en ĝi la asocio ofertas kristnaskan loterion. ĉi jare la numero estas 41.209, kaj ĉiu bileto kostas 300 ptojn. La nunjara Zamenhof-festo (librotago!) okazos ĉe Grupo Aŭroro, kiu festos la kvindekan datrevenon de sia fondiĝo. La elektita tago estas la 21a de decembro. De la 18a de oktobro okazas parol-kurso en *Centre Civic de la Creu Alta*, strato Major, 70; Sabadell, ĉiun lundon kaj ĵaŭdon de la 19a ĝis la 20a horo.

* Aperis la 103a numero de la Ĝenerala Informilo de BEC (Barcelona E-Centro) kun represo de tri artikolj, unu esperanta, alia katalunlingva kaj alia kastililingva. La asocio ofertas kristnaskan loterion, n-ro 35.226. Ĉiu bileto kostas 200 ptojn kaj oni partoprenas la lotadon per 160. Cetere, en la sidejo de la asocio okazas du kursoj, unu elementa, gvidata de M. López, kaj alia supera, gvidata de S. Aragay.

# Madrido

* MEL daŭre kaj efike informas siajn membrojn pere de sia organo, la bulteno *Nia voĉo*. La asocio aranĝas parolkunvenojn ĉiun lundon en la HEF-sidejo kaj ĝia estraro kunvenas regule. Cetere, MEL festos la Tagon de la Libro en Esperanto (Zamenhof-tago) per bankedo la 18a de decembro, je la 14a horo en la restoracio Hotel Puerta de Toledo. La prezo de la manĝo estos 3.000 ESP. Ĉi jare la asocio ne ofertas kristnaskan loterion. Ĝia Ĝenerala Kunsido okazos en januaro.

* Lucrecia San Antonio estis intervjuita de la loka radio-COPE de la vilaĝo Pinto, apud Madrido, dum 10 minutoj. Ŝi parolis pri esperanto kaj elstaraj hispanaj esperantistoj.

*Lupe Sanz*

* La 14an de septembro, je la 17:00 horo, en la radioprogramo "Madrid Exprés" de Onda Madrid. Marcos Cruz estis intervjuita telefone. La 15an de septembro, je la 11:15 en la programo "Todo Madrid" de Onda Madrid, oni ŝajnigis komenciĝon de E-kurso. Maria Celada, ĵurnalistino de la radiostacio, venis en la oficejon por intervjuado de Marco kaj Jezabel Trevisán, kiel lernantoj, kaj de Marcos Cruz, kiel gvidanto de la kurso. La intervjuo estis rekta elsendo de la pertelefona ankaŭa interparolo kun la parolistoj ĉe la elsendejo.

*Ana Manero*

* Denove *Filmoteca Española* projekciis la filmon *Frivolinas*, de la jaro 1927. La prezentado okazis la sabaton, 30an de oktobro je la 10a vespere en la unua ĉambro de kinejo Doré, strato Santa Isabel, Madrido. Pri tiu filmo vi povis jam legi sur la 16a paĝo de Boletín 341.

*Manolo Parra*

# Zamenhof-Lernejo vokas

La 140 datrevenon de naskiĝo de Ludoviko Zamenhof lodzaj esperantistoj festos en XXXI Liceo. La mezlernejo je la nomo de Ludoviko Zamenhof post longa paŭzo organizas esperanto-kurson. Lernantoj ne tro multnombre volas partopreni en ĝi. Do, por kuraĝigi la lernantojn kaj persvadi instruistojn ni tre petas ĉiujn esperantistojn sendi leterojn kun salutoj kaj gratuloj. Dum la festo ni preparos ekspozicion kun informoj pri Esperanto, ĉiuj leteroj kaj mapo kun lokoj de kie ili venis. Bonvolu skribi al la adreso: XXXI Liceum Ogólnokształcace; im. Ludwika Zamenhofa; ul. Kruczkowskiego 4; PL 93-239 Lódz; Pollando

*Robert Kaminski*

# Murcio

La e-uzantoj de Interreto povas «aŭskulti» la lastan numeron de Kajeron el la Sudo. Nun, provizore disponeblas nur kvar artikoloj registritaj en la servanto http://members.xoom/Jesuo.

La redaktoro invitas ĉiujn legantojn kunlabori per sia voĉo. La revuo uzas la formaton *PureVoice*, kaj la programon por ĝin aŭskulti oni povas elŝuti jen el «http://www.eudora.com». Cetere tiun programon oni povas uzi ankaŭ por sendi voĉan mesaĝon al geamikoj, ĉar ĝi permesas ne nur reprodukti sonon, sed ankaŭ ĝin registri.

Memoru ke la ttt-paĝoj de Esperanto España, kune kun la magazino Kajeroj el la Sudo (de la 29a numero ĝis la lasta), kaj ĉiuj numeroj de *Correo del Esperanto*, daŭre legeblas ĉe: «http://members.xoom. com/Jesuo», sed atentu ke de la komenco de novembro la sidejo «http://www. distrito.com/esperanto/» ne plu validos, kaj simile okazos, komence de februaro, rilate al la sidejo «http://esperanto. dragonfire.net»

*Jesuo de las Heras*

# Tutlande

La organo de la sindikato CNT (nº 250) raportis en esperanto pri la Kongreso de SAT kiu okazis en Karlovy Vary (Ĉekio).



# Ĉirkaŭ la mondo

## Memortabulo

Tykocin, naskiĝurbo de Marko Zamenhof inaŭguris memortabulon al la patro de D-ro Esperanto.

La 27an de januaro 1837 en la pola urbeto Tykocin, 30 kilometrojn okcidente de Bjalistoko, naskiĝis Marko Fabianowicz Zamenhof, la patro de la kreinto de Esperanto. Li estis instruisto de franca kaj germana lingvoj. M. Zamenhof verkis multajn lernolibrojn ruslingve kaj la 7-lingvan "Frazeologion-Proverbaron" (rusa, pola, franca, germana, hebrea, latina kaj Esperanta). La patro de L.L. Zamenhof mortis la 29an de novembro 1907 en Varsovio.

Oni povas gratuli la urbestron pro la nova ZEO perpoŝte: S-ro Dominik Wloskowski Urzad Miasta i Gminy, ul. Zlota 1, PL-16-080 Tykocin, Polio.

*Stanislaw Dobrowolski*

## Sukceso por Esperanto

Al la redakcio de Radio Austria Internacia venis 1998 laŭ la lingvo de la redakcio tiom da alskriboj: Esperanto 3.503; Angla 2.708; Franca 844; Hispana 717; Araba 0.

*Walter Klag*

## Franca kanzonisto

Jacques Yvart, konata franca kanzonisto, finis sian tutsemajnan koncertadon en Kroatio. Kroata Esperanto-Ligo per la kongresa koncerto de Jacques Yvart realigis kunlaboron kun Franca Instituto de Zagreb kies gasto Jacques Yvart kaj lia teamo estis. Por la franclingva publiko Jacques Yvart koncertis en Zagreb kaj la urboj Osijek kaj Varâzdin, dum por esperantistoj li havis apartan koncerton en la prestiĝa zagreba muzeo Mimara. Pli ol 200 personoj ĉeestis la pacteman koncerton en Esperanto.

Jacques Yvart havis apartan TV-elsendon en la programo de Kroata Televido la 18an de oktobro, kie en Esperanto kantis zagreba kantistino Lada Kos. Ankaŭ dum siaj franclingvaj koncertoj la kantisto enmetis Esperantan kanzonon, akcentante la rolon de Esperanto en sia muzika kariero. Pluraj radio-intervjuoj kaj gazetartikoloj aperis pri lia gastado en Zagreb. La ĝisosta pacifisto Jacques Yvart finis sian restadon en Zagreb per renkontiĝo kun handikapitaj infanoj kiuj lernas Esperanton. Stimula vizito de la franca kanzonisto tre efike informis pri Esperanto en Kroatio.

*Spomenka Ŝtimec*

## Ŝanĝoj ĉe KEF

La komenc- kaj la finiĝdato de Kultura Esperanto-Festivalo Ŝanĝiĝis. KEF okazos inter la 17a kaj 23a de julio 2000 en Nurmijarvi, Finnlando. La partoprenantojn atendos koncertoj, teatraĵoj kaj literaturaj prezentoj. Krome la ĉirkaŭaĵo de la festivalo

estas rigardinda kaj oni povas ĝui agrablan Esperantan etoson dum 7 tagoj en Finnlando. Interesitoj sin turnu al la redaktoro de Boletín.

*Riitta Hamalainen*

## Akademio de Esperanto

Ĉijare la Akademio de Esperanto enkondukis novaĵon en sia apero dum la Universala Kongreso: sub la rubriko "Akademianoj parolas" okazis interalie du prelegoj. La unua estis farita de la prezidanto, Geraldo Mattos, kies temo estis "Kion vere signifas niaj participoj?". La duan prezentis de s-ino Koutny sub titolo: "Ĉu niaj radikoj havas karakteron? ".

## Esperanto en Vatikano

Ĉi oktobre okazis en Vatikano eŭropa sinodo, en kiu 240 katolikaj episkopoj kaj delegitoj analizis la nuntempan situacion de la eklezio kaj serĉas perspektivojn por la estonto. La 4an de oktobro kadre de 8-minuta prelego ĉefepiskopo G. Jakubinyi el Rumanio tie denove atentigis pri Esperanto kiel ebla solvo de la lingva problemo en la katolika eklezio. Poste li donis intervjuon hungarlingvan al la hungara programo de la Vatikana Radio. (dissendita la 8an de oktobro vespere).

Inter aliaj li diris:" La latina lingvo, kiun mi tre ŝatas, en la katolika eklezio mortis. Mi proponis por internacia uzo Esperanton. Ĉar se oni uzus vivantan lingvon (lingvon de iu nacio) tiam ni surprenus la vivkoncepton kaj kulturon de ties nacio, kaj tiu kaŭzus lingvan imperialismon."

*Lajos Kobor kaj Ulrich Matthias*

## Laboroj en Gresillon

La 2an kaj 3an de oktobro deko da volontuloj venis en Gresillon por ŝanĝi la nenorman lumig-sistemon de ĉiuj dormo-ĉambroj kaj koridoroj de la unua etaĝo. Ankaŭ ĉirkaŭ la diversaj konstruaĵoj oni distranĉis trud-arbustojn kaj eĉ arbojn kiuj endanĝerigis la murojn kaj la fundamentojn.

*P.Naulet*

## Per malmultaj vortoj...

* Radio Polonia elsendas per:

— mallongaj ondoj je la 15:30 kaj la 20a horoj.

— satelito je la 21a kaj la 10a horoj de la sekvanta tago.

— Interreto (24hore, proksimuma komenco je la 22a horo).

*José F. Martín*

* Aperis la unua perua esperanta bulteno en intereto ĉe:

Http://www.geocities.com/amikoj

* Alikanto konkurencas kun belga urbo por organizi la SAT-kongreson de la jaro 2002. Oni sciigos la decidon en la venonta kongreso okazonta en Moskvo.

* Japana samideano Kenmotu Kensaku demandas nin, hispanaj e-istoj, ĉu estas ĝenerale konata ĉe ni la fakto, ke la patro de la surrealisma pentristino Remedios Varo (1908—1963) estis esperantisto. Kenmotu ricevis la informon disde sia edzino kiu, siavice, ĉerpis ĝin el la biografio de la pentrisno okaze de ekspozicio.

* En Irlando la edukministerio permesis instrui Esperanton en la kvina ("transira") klaso de la mezlernejo.

* Aperis la 8a numero de la hispanlingva venezuela bulteneto *Lingvo & internacia komunikado*. Ĝi estas nur 4-paĝa (plus 1 flugfolio kun lecciono pri Esperanto), kaj ĝin eldonas *Instituto Pedagógico de Caracas*, kiu apartenas al la *Universidad Pedagógica Experimental Libertador.*

* Panozauto, malgranda usona fabriko de specialaj sportaj aŭtomobiloj, produktas sendube elegantan sportan aŭtomodelon kun la nomo "Esperante". Vidu ĝin ĉi sube.



# Kia vojaĝo!



# Ĉu trajne al IJK?

TEJO-anoj planas organizi komunan vojaĝon de Eŭropo al la IJK en Honkongo... plene per trajno! Fakte estis simila vojaĝo en 1994 okaze de la IJK en Koreio kaj la tiamaj partoprenantoj ankoraŭ rakontas pri ĝi kun brilaj okuloj!

La karavananoj renkontiĝus en Moskvo kaj de tie vojaĝus per la Transsiberia Fervojo. Post tritaga vojaĝo okazus restado en la Siberia urbo Tomsk, kie okazos la E-tendaro OrSEJT. Post ĝuado de la rusia renkontiĝo oni pluvojaĝus orienten. La vojo pasas tra Mongolio, kie eblus alia paŭzeto, al Ĉinio kaj Pekino. Tie eblus viziti la ĉinian ĉefurbon kaj renkonti lokajn esperantistojn. Kaj de Pekino suden al Honkongo, kie la karavano alvenus la 5an de aŭgusto. Vojaĝo por rakonti al la genepoj!

*Holger Boos;*
*TEJO-estrarano pri kongresoj*

## Forpasis

* La pasintan 23an de oktobro mortis en Bilbao Tomas Apraiz Riberas. Dum multaj jaroj li estis la delegito de UEA en Bilbao; prezidanto, sekretario kaj vicprezidanto de la loka grupo; ankaŭ ĉeestis multajn kongresojn, precipe hispanajn. Sed antaŭ ĉio li estis bonkora homo, ĉiam preta helpi la aliajn kaj ĉiam preta labori favore al Esperanto.



En nia memoro restos lia speciala maniero paroli Esperanton, tiel rapide ke ofte estis malfacile kompreni ĉiujn vortojn; ankaŭ restos la amuzaj vesperoj, plenplenaj de ŝercoj kaj ridoj apud li kaj lia afabla kaj parolema edzino Cecilia.

Tomas, ke vi pace ripozu; vi vivos por ĉiam en la memoro de ni ĉiuj, kiuj konis vin.

*J. Miguel García Iturrioz*

* La 18an de septembro forpasis s-ano Joan Sole i Pujol. Li estis 84-jara mebro de KAE kaj de "Grupo Auroro" de Barcelono. Al siaj gefiloj nian plej sinceran kondolencon.



## Grava rekono al UEA

Nikola Raŝic, Konstanta Kongresa Sekretario de UEA, estis invitita al la nove fondita Klientara Konsilio de ICCA, Internacia Konferenca kaj Kongresa Asocio, kiu aktivas kiel forumo de kunlaboro kaj spert-interŝanĝo de organizantoj de internaciaj kongresoj kaj ekspozicioj. Ĝia sidejo estas en Amsterdamo.

Per sia invito, ICCA rekonas la unikan sperton de UEA kiel organizanto de unu el la plej longedaŭraj regulaj eventoj sur la kampo de internaciaj kongresoj. En la klasifiko de ICCA la UK apartenas al la kategorio de grandaj kongresoj, de kiuj ĉiujare okazas nur kelkdeko.

## Kuraĝiga sukceso

Meze de septembro finiĝis la unua 3-semajna kurso kadre de la projekto Indiĝenaj Dialogoj (ID). Tiu projekto ekdisvolviĝis pasintjare kaj ĝin iniciatis Bessie Ŝcadee kaj Sylvain Lelarge el la lingvoinstituto Narwal en Wassenaar,

Nederlando. ID celas doni al la organizaĵoj de indiĝenaj popoloj rimedon por libere kaj senpere kunlabori kaj interkomunikiĝi. La rimedo estas Esperanto kaj ĝia uzo en la interreto.

La kurso sukcesis kun 22 lernantoj reprezentantaj indiĝenajn organizaĵoj el Papua Novgvineo, Maroko, Ruando, Burkino, Rusio, Alasko, Kostariko, Gvatemalo, Ĉilio kaj Barato. Unu monaton post la fino de la kurso, oni raportas, ke "duono de la grupo aktive uzas Esperanton kaj la aliaj iĝis efikaj ambasadoroj kiuj, verŝajne, finfine aktive uzos Esperanton".

Fine de novembro sekvos dua kurso por 12 lernantoj. Cetere, la monata revuo "IS - Internationale Samenwerking" (Internacia Kunlaboro) de la nederlanda ministerio pri eksterlandaj aferoj dediĉis en sia oktobra numero preskau tutan paĝon al la projekto.

## Lingvaj homrajtoj

Pli ol 7000 reprezentantoj de pli ol 600 internaciaj organizaĵoj parto-prenis en la Internacia Konferenco Seulo 1999 de Ne-Registaraj Organizaĵoj, de la 10a ĝis la 15a de oktobro. Ĝin organizis CONGO (platformo de NRO-j en konsultaj rilatoj kun UN), de la Plenumkomitato de NRO-j asociitaj kun la Departemento de Publika Informado de UN, kaj de la Societo de Tutmonda Kunlaboro de la Universitato Kyung Hee. La temo de la konferenco estis "NRO-j en la 21a Jarcento".

UEA sukcesis enŝovi sian tezon en la rezolucio kun rekomendoj al la Ekonomia kaj Socia Konsilio de UN (EKOSOK) kaj al la Jarmila Forumo de NRO-j okazonta en Novjorko en majo 2000.




**La Estraro de HEF esprimas al la membraro sinceran bondeziron por la nova jaro.**

**Feliĉon kaj sukceson en via esperanto.agado**



*Tra eŭropo... kun rideto Hispana karavano al Berlino*



# In

# Novaj instruistoj

Kadre de la ĉijara Konferenco de ILEI okazinta en Karlovy Vary (Ĉeĥio) 5 kandidatoj el 5 landoj ekzameniĝis por esti Cseh-instruistoj. Inter la 4 sukcesintoj elstaras nia samideanino Luz Vázquez Souto [Gratulon!].

La nombro de diplomitaj Cseh-instruistoj kreskis al 36. Aktuala listo estas havebla ĉe Internacia Esperanto-Instituto (Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando)

# ILEI en Katalunio

La kataluna sekcio de ILEI havas de nun sian retan sidejon en la adreso: http://www.xtec.es/~pmarti10/ilei-cat.htm.

Kiu prezentas informojn pri Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, pri la ekzamenoj de ILEI/UEA, pri elementa kurso de esperanto en la kataluna, ktp.



# Lernejoj de Usono

Okaze de vigla diskuto pri instruiloj en la interreta babil-rondo lanĉita de la prezidanto de ILEI, la italo Maŭro la Torre, Kent Jones el Chicago (Usono) asertas: "Pli ol 25 instruistoj de Esperanto-kursetoj en la publikaj elementaj lernejoj de Usono laŭdas Mazi".

# Paspo

*Esperanto: P*
el 15 vidbendaj
komplementaj c
grupa studado.
simila al televic
Esperanto-parol

Jam aĉetebla
teksto- kaj ekzei
mendeblaj.

# struado



## 33a ILEI Konferenco

De la 7a ĝis la 13a de Aŭgusto okazis en Karlovy Vary, Ĉeĥio, la 33a ILEI Konferenco. Partoprenis homoj el 24 landoj

Estis viglaj kaj instigaj prelegoj, de Geraldo Mattos (BR), Prezidanto de la Akademio, pri "Instruo de lingvo kaj instruo de gramatiko"; de Ilona Koutny (HU), pri "Uzo de vortaroj en la instruado"; de Marta Kovacs (HU), pri "Komputilaj helpoj al la instruado", kun pluraj komputiloj en



la salono por plene gustumigi la prezenton; kaj de Mireille Grosjean (CH), pri "Edukado al Paco — solvado de interhomaj konfliktoj". Ankaŭ estis laborgrupo gvidata de Sabine TRENNER (DE), pri "La fremdeco en ni: ekkoni antaŭjuĝojn kaj ilin prilabori". Lawrence Mee (IE/GB), pri "Antonimoj kaj falsaj sinonimoj en Esperanto"; Mauro La Torre (IT), pri la Projekto "Interkulturo"; Petr Chdrle (CZ), prezentis "Netradicia lernolibro de Esperanto"; Mihai Trifoi (RU), prelegis pri "Kiel naskiĝas nova sperto"; Lusi Harmon (US), prezentis la video-kurson "Pasporto al la tuta mondo"; Ton Verwoerd (NL), montris multajn interesajn kaj originalajn ludilojn por lerni kaj Esperanton kaj per Esperanto; kaj Malcolm Jones (GB), pri la "Urso Kurso".

Kompreneble, okazis multaj komitatkunsidoj, Cseh Seminario por Instruistoj, gvidata de Atilio Orellana (AR/NL) kaj pluraj distraj progameroj.

*Ana Montesinos de Gomis*

## to por la tuta mondo

*porto por la tuta mondo* estas moderna kurso konsistanta cionoj de po 30 minutoj verkitaj de Paul Gubbins kaj ecoj kiujn kompilis Stefan MacGill cele al individua kaj a la kurso la atenton de la lernanto tenas distra historio, ula dramo. La koncepto estas tia, ke ankau pli spertaj toj povas profite sekvi la kurson.

uj lecionoj de la 1a ĝis la 8a inkluzive, kun akompanaj oliloj. Lecionoj 9a ĝis 15a aperos poste kaj estos aparte



# Kiom multe mi eraras!

Jes, mi eraris multe. Unue kiam mi pensis ke eble mia granda penado super la paĝoj de ĉiu kompostata bulteno estas vana, ke neniu, aŭ preskaŭ neniu, legos ĝin, ke oni ĝenerale fajfas pri la movado kaj similaj *bizaraĵoj*, ke...

Nu, lastatempe, leteroj, telefonvokoj kaj personaj kontaktoj daŭre montris al mi kiom for de la realo mi estis tiurilate!

Sed ne nur ĉe tio mi eraris. La paĝoj de la lasta Boletín klare atestas ke mi eraris ankaŭ ĉe la "proza" parto de la afero: la kompostado de la bulteno. Tamen, permesu ke mi senkulpigu min dirante ke nur mia, foje troa, strebado al plibonigo kondukas min al fuŝo. Ĉi okaze, la uzado de nova komputila programo por kompostado de la lasta bulteno kaŭzis kelkajn ĝenaj misojn. Malaperis du liniojn fine de la raporto, kiun Manolo Parra verkis pri la unua tago de la kongreso. Jen ili:

«kie oni abunde babilis kaj gustumis tre bongustan "sangría". Kronis la tagon prezentado de pola koruso el infanoj kaj junuloj en la ĉefa salono de la kongresejo. (*Maolo Parra*)».

Malaperis mia nomo, t.e. Miguel Gutiérrez, kiel raportanto de la ceteraj tagoj de la kongreso, escepte de la "fermo de la kongreso" verkita de Luis Hernández. Tio kaŭzis ke la apero de la nomo de Luis Hernández fine de la kongresa raporto donas la impreson ke ĝuste li respondas pri la tuto.

Sed ankoraŭ plej terure estis la malapero de pli ol duono el la letero "Reage al kritika artikolo", kiun mi denove prezentas al vi en kompleta formo.

Nu, kiel diras nia proverbaro: *peko kaj eraro estas ecoj de ' homaro*. Kaj ĝuste tio mi estas... homo.

*Miguel Gutiérrez, Redaktoro.*

## Reage al kritika artikolo

En paĝoj 23 kaj 24 de *Boletín* n-ro 341, de majo-junio 1999, aperas kritika artikolo titolita: "HEF? Pli bone dankon!", verkita de s-ro Jorge Camacho, pri kies enhavo ni, la subskribintoj, precizigas la jenon:

1) Ni solidare apogas la pluan ekzistadon de la tradicia nomo *Boletín*, kiun defendas, en sia artikolo, s-ano Antonio Marco kaj aliaj veteranoj hispanaj (vidu paĝon 25 de la menciita HEF-organo).

2) La internacia radiko "esperantista" ja troviĝas ĝuste difinita en la hispana vortaro. Same *movimiento* "movado". Do, nenia risko de konfuzo ekzistas. Cetere, ĉu en Esperanto oni devas modifi radikon, ĉar ĝia

senco estas diferenca en iu nacia lingvo? Tiurilate ne prosperis la propono, de pedanteca esperantisto portugala, ŝanĝi la radikon "puto", ĉar en lia lando (kaj en la nia!) ĝi sonas iom malagrable...

3) Ni neniel povas agnoski, ke la t.n. "raŭmismo", sub kies nomo agadas por Esperanto la serioza "Kooperativo de Literatura Foiro", kune kun pluraj gesamideanoj tutmondaj, estas, laŭ subjektiva juĝo de Jorge Camacho, la ekvivalento de la politika koncepto "faŝismo". Tiu ĉi fikomparo estas, niaopinie, ekstreme ofenda kaj malsamideaneca.

4) Ni ne akceptas —kaj ne la solaj!— la akran kritikon de s-ro Camacho kontraŭ la jam tradicia "Premio Klara Silbernik", fondita kaj ekskludе patronata de la Hispana Esperanto-Muzeo, kies direkcio ĝin fondis kaj plu funkciigas memore al la senlima apogo, kiun donadis al d-ro Zamenhof lia amosenta edzino Klara Silbernik.

Por fini ni diru, ke tiun premio-sistemon simpatie akceptis kaj aktive ĝin subtenis, inter aliaj, gravaj protagonistoj de nia E-movado, kiaj la forpasintaj d-ro Rafael Herrero, prof. Juan Régulo Pérez, instruisto s-ro Zaragoza Ruiz, la neforgesebla Ramón Molera, koresponda kursgvidanto de HEF kaj, lastatempe, iu eksterordinare aktiva e-isto el Madrido, nome la bedaŭrata Juan Carlos Ruiz Sierra, kiu eĉ grave malsana, iluzie veturis sola al HEF-kongreso en Salou, precipe por tie ricevi la "Premion Klara Silbernik", tiuokaze aljuĝita al lia amata edzino.

Nome de la *Kultura Asocio Esperantista (KAE): J. M-a Galofré (Prezidanto) kaj ĝiaj membroj L. Serrano Pérez, S. Torné Grau, R. Manau Torres kaj V. Hernández Llusera.*

## Pri movada *Boletin'* kaj aliaj malpekoj

Ino, kiu ete bolas, jen *Boletin'*, metafora omaĝo al hispana esperantistino, kiu ne multas tiom, kiom ĝi esperindas. Kial oni objetas pri via nomo? Evidente, ne fariĝis la mielo por la buŝo de azeno.

Mi ĵus legis kritikojn al rajto kritiki kaj tion mi ne kunhavas. Kio ja ĝenas al mi estas manko de argumento! Oni diras, *mi ŝatas*, oni diras, *mi preferas, ke oni ne fari tion aŭ tion ajn*. Ĉu oni ne ŝatas la nomon de nia bulteno? Nu, bone, oni ne manĝu ĝin. Ridindas la afero, ke el ĉiu solvendaro, kelkaj esperantistoj dediĉas siajn fortojn kaj sciojn al kritikado de manieroj fari tion, kion oni faris delonge efike kaj agnoskite. Ĉu tiuj samideanoj enuas en sia aparta nefareco?



Klara

Kamarado Marko Botelja plendas, ke oni ne ŝatas la premion *Klara Silbernik'*. Kial ĉiuj devus ŝati premion donitan al ina subtenanto de elstara esperantisto? Klara Silbernik estis, laŭ *L'homme qui a défié Babel*, la unua esperantisto kiu iam ekzistis, krom la kreinto de Esperanto,

kompreneble. Ankaŭ, ŝi estis la unua protektanto de nia lingvo, pro tio, ke ŝi pagis la unuan eldonon de la unua gramatiko de Esperanto, la rusan version de *Lingvo Internacia*. Ŝi ja subtenis la unuan homon, kiu parolis Esperanton, do ŝi kompreneble gajnis la rajton esti la perdifina *virino, kiu apogas la edzan klopodon por Esperanto*. Pro tio, esti *Klara Silbernik'* signifas esti apoganto de esperanta agado edza. Nenio plaĉus al mi pli ol tio, ke mia edzino tiom multe agus por Esperanto, ke mi povus apogi ŝin tiom multe, ke oni premius min per *Klara Silbernik'* premio! Tamen, ve, tio ne eblas.

Nesubskribantaj samideanoj* diras, ke *movado esperantista* estas rajtigita esprimo, kaj ne pro tio, ke en la hispana lingvo faŝistoj nelonge trouzis tiun vorton, *movado*, ni devas ĉesi uzi tiun vorton. Miras mi, ke ankoraŭ hispanaj fizikistoj parolas pri *movado* unuforme akcelata..., ĉu ili estas restantaj kaŝitaj faŝistoj? Tiukaze ni tremu pro tio, ke ili ekzistas ĉe ĉiu lernejo tra la lando! Pri la alia parto, *esperantista*, ne pli gravas, ke ĝi rimas kun *espiritista* aŭ *animista*, ĉar ĝi ankaŭ rimas kun *aŭtomobilista*, *kinista*, *elektrikista* kaj *noktodrinkista* en la hispana lingvo.

Oni citis mirindan verkon, *Esperanto sen mitoj*, kiujn multaj el ni, naivuloj, jam aĉetis, esperante ke ĝi dirus ion novan. Bedaŭrinde, ne troviĝas io ajn nova en tiu verko, kiun ne valoras eĉ la inkon kaj paperon sur kiu ĝin oni printis. Plej granda mensogo povas esti kaŝo de vero, kaj tiu libro maldiras, ke tiuj *fanatikaj, kvazaŭ religiemaj esperantistoj de karbista fido* respondecas pri la nemalapero de Esperanto post longa unu jarcento. Lertuloj verŝajne nur fuŝas la aferon, kiam la afero ankoraŭ ne kreskis sufiĉe. Oni ankoraŭ bezonas, ke Esperanto –nia Esperanto, la kerno de la fifama movado- altiriĝu. Kelkaj lertuloj trovas malfacile trovi survoje kaj rapide vortojn kiel *ina karcero*, kaj kulpigas pro tio al Esperanto aŭ troigata propaganda agado. Tiuj lertuloj ankaŭ malakceptas pioniran agadon de *entuziasma movadano*, kiu tamen faris tion, kion lertuloj ne faras pro manko da lerteco aŭ —kio estas eĉ pli hontinda— volo. Oni rekomendas, ke nur *profesiuloj* agadu, forgesante, ke, pliofte ol ne, la nomo *profesiulo* kaŝas simplan *suldulon*. Amatoro, evidente, situas meze inter ambaŭ, kaj ĝis tiu brila epoko esperanta, kiam finfine estos profesiuloj –uloj kiuj *vivas*, tio estas, *profesias*— pri Esperanto kaj ties disvastigado kaj disinstruado, amatoroj —ja ne sulduloj— estas nia plej bona atuto.

Mi esperas, ke mi ne malĝenis brilajn esperantistojn, kiuj volas diri al ni movadanoj kiel agi, aŭ —pli arogante— kiel ne agi. Esperanto estas nun —bedaŭrinde— privata afero de idealistoj. Ne estas ankoraŭ la horo por cinikaj kritikistoj novpuritanaj kiuj volas arogi al si la tutan gloron de nevenko de Esperanto. Nia bela lingvo bezonas fortojn de ĉiuj ajn esperantistoj. Ĝi estas la plej valora bonhavo de internaciuloj. Ni reagu kaj pruvu nian movadon movante.

*Don Mendo*

## Pri la Premio Klara Silbernik

Ankoraŭ pri la artikolo de Jorge Camacho (HEF? Pli bone, dankon!) en la numero 341 de Boletín.

Certe oni povus haltigi la Premion Klara Silbernik: tion eblas fari ĉu rekte, ĉu malprestiĝante ĝin tiamaniere, ke neniu

volos ĝin akcepti. Sed estas alia ebleco, kiun eble nun vi jam antaŭvidas: ĝisdatigi kaj prestiĝigi ĝin kiel, ŝajnas al mi, estis la unua intenco.

Pri ĝisdatiĝo. Kompreneble, ĝi devus esti por la partnero, sendepende de la sekso. (Eble mi estas iom egoisma tion dirante, ĉar mi taksas ke -se mi estus grava esperantistino-, mia neesperantista edzo, kiel multaj aliaj viroj, meritus kandidati!!) Krome, kial limigi ĝin nur al partneroj, kaj ne streĉi ĝin ankaŭ al la "proksimaj apogantoj", por ne forgesi la multajn gepatrojn, eĉ aliaj kunloĝantanoj, en la sama pozicio?

Pri prestiĝiĝo. Mi ne memoras ĉiujn kiuj ricevis la premion ĝis nun, sed laŭ mia memoro, ĝi neniam temis pri agnosko de ne-malhelpo, sed pri aktiva apogo kaj ebligo -pere de tempo, laboro, penoj, kuraĝigo, mono, varma gastemo, ktp, ktp.

Ni memoru: la unua estis Teresa Masana. Ĉu oni premiis en ŝi eltenemon, silentemon kaj pasivecon? Certe tute ne. Oni premiis longdaŭran kaj tre efikan laboron kiu, paralele kun tiu de ŝia edzo, Luís María Hernández Yzal, ebligis, kaj ankoraŭ ebligas, al ni ĉiuj havi unu el la plej gravaj Esperanto-Muzeoj. Jes, ŝia laboro estas ĉefe anonima, sed nur por tiuj kiuj ne konas ilin ambaŭ rekte, kaj ĉiaokaze, tia povas esti ilia —eĉ eble ĉefe ŝia, mi ne scias— elekto.

Nun kiam mi jam tion diris, mi povas aldoni ke mi preferus vidi ke, ĉefe virinoj —ĉar eble ili tion pli bezonas—, perdus la impreson ke ili pli taŭgas por esti apogantoj, ol simple agantoj; ke se ili laboras kune kun la edzo, ili ne timos subskribi la laboron ankaŭ. Tamen, mi ankaŭ ne povas forgesi ke ĉiam estos multaj homoj kiuj, iom flanke, multege helpas la antaŭeniron de Esperanto, kaj kiam ili elstaras tiurilate, estas kortuŝe vidi ilin honorigitaj. Eble oni povus ankaŭ pensi pri tiaj grandiozaj anoj en ĉiu asocio, kiuj kelkfoje eĉ restas la fifamaj eternaj komencantoj, sed kiuj ĉiam pretas fari ion ajn necesan, efike kaj bonhumore. Sed en tiu kazo, eble oni devus pensi pri aldona premio kun nova nomo, ĉu?

*Ana Montesinos*




* Sadegh Karami ofertas plej bonkvalitajn grajnojn kaj sekigitajn fruktojn iranajn (FOB aŭ C&F). Tel. kaj faks.: 0098-21-2086574; retadreso: "s-karami@neda.net"

* Mi serĉas partnerojn por kunlaboro pri: aera kaj mara transporto, industria fiŝado, minaĵoj (oro, kruda petrolo), agrikulturo, ligno, konstruado. Mi volas importi vestaĵojn, manĝaĵojn (ekz. rizon), ktp. Bonvenindas ofertoj kaj katalogoj . S-ro J.C. Tukifimpa-Nsoko, C.P. 399 Luanda, Angola; fakso 00244-2- 397731 / 397033

* Mi aĉetas uzitajn ŝuojn kaj vestaĵojn. Handikapuloj de nia klubo vendas kartojn (E kaj afrikanecaj motivoj), ceramikaĵojn, skulptaĵojn el nigra ligno. S-ro Emilo Malanda Nianga, Esperanto Kultura Movado (EKM), Université de Kinshasa, B.P. 839, Kinshasa XI, Congo Dem. Resp.



Miguel Fernández, Antonio Valén, Jorge Camacho kaj Liven Dek en unu el siaj multnombraj besedoj (ci foje en Madrido).

# Paŝon post paŝo, post granda laboro...

Antonio Valén ricevis la unuan premion en la branĉo "poezio" de la ĉi jara Belartaj Konkursoj de UEA. Ĉu surprizo? Nu, jes kaj ne. Jam de kiam aperis la poemaro *Ibere libere*, poste sekvata de la novelaro *Ekstremoj*, kaj la tuta literatura e-komunumo komencis paroli pri la "ibera skolo", oni tuj asimilis la nomon de Antonio Valén al la la konata kvinopo. Jes, mi diras kvinopo ĉar kune kun Miguel Fernández, Jorge Camacho, Gonçalo Neves kaj Liven Dek aparte elstaris Abel Montagut per sia *Poemo de Utnoa*, kaj kun la tempopaso, mi esperas, aldoniĝos aliaj aparte valoraj homoj, nun mi pensas ekzemple pri José Maria Sarasua...

Sed mi reprenu la fadenon por diri ke la engaĝiĝo de Antonio Valén en la ibera skolo, frukto el la rilatoj de amikeco kaj simpatio inter ĉiuj membroj, estis tiel evidenta jam de la komenco, ke ĝi foje erarigis eĉ William Auld mem. Kiam nia kandidato al Nobel-premio ĝisdatigis por la literatura revuo "La Gazeto" (n-ro 70, p. 31) sian faman *Bazan Legoliston*, ĉe la verko *Ibere libere*, anstataŭ la nomon Liven Dek li skribis... Antonio Valén. Nun ne plu ekzistas duboj, nia amiko el Sorio elmontris sian verk-talenton, kaj ni ĉiuj sidas jam sur pingloj atendante ne nur la *Grandan Vortaron* de Fernándo de Diego, al kiu li de-

cide kontribuas, sed ankaŭ lian unua libroforman poemaron.

*Maria Zocato*

## INTERVJUO

Jen, ĉi sekve, kun la afabla permeso de *Gazeto Andaluzia* ni prezentas intervjuon al Antonio Valén, precipe pri la *Granda Vortaro*, aperintan en tiu bulteno.

*Gazeto Andaluzia: Kiu estas Antonio Valén?*

*Antonio Valén*: Mi naskiĝis en Soria la jaron 1965. Profesie mi estas lingvisto kaj instruas la hispanan kaj la francan lingvojn. Mi do fakas pri kulturaj varoj, bedaŭrinde apenaŭ vendindaj... Sed pri tiaj aferoj esperantistoj ja tre multe kaj tre bone scias.

*G.A. De kiam vi okupiĝas pri esperanto?*

*A.V:* En 1983 mi hazarde vidis la hispanan-esperantan vortareton de Paluzie-Borrell (Lexicón Sopena) ĉe geamikoj en Soria, kiuj tiam eklernis la lingvon. Ili iom klarigis pri la strukturo de esperanto, kaj mi tuj infektiĝis je la esperanta viruso. Mi eklernis pere de la koresponda perfraza metodo de Francisco Zaragoza Ruiz. La lingvo tuj fascinis min, kaj ankoraŭ hodiaŭ mi rigardas ĝin belega filologia verko: Zamenhof vere ĝuis nekredeblan sensivon por konstrui internacian komprenigilon. Mi tiam tute ne supozis, ke mi tiel profunde esperantistiĝos kaj laborados por nia lingvo.

*G.A: Pri kio vi okupiĝas en Esperantujo?*

*A.V:* Min interesas ne la movado, sed la esperantaj beletro kaj literaturo.

Miaj du pli videblaj laboroj ĝis nun estas la enkonduko al la romano Tirano Banderas de Valle-Inclán, kaj la prezento al la poemaro El la sonoraj soloj de Miguel Fernández. Tre verŝajne —se la dioj permesos— mi verkos ankaŭ enkondukon al la unika poemaro kantoj de anteo de la grandega E-poeto Mao Zifu. Mi estas konata ankaŭ pro miaj multaj recenzoj en diversaj E-revuoj.

Tamen, mian ĉefan kaj plej oftan okupon de antaŭ multaj jaroj konsistigas la reviziado de alies tekstoj de diversaj esperantistoj. Praktike, preskaŭ ĉio publikigita de la membroj de la t.n. ibera skolo unue trapasis miajn manojn, kaj same dirindas pri ĉiuj Boletín-numeroj dum la redaktoreco de Antonio Marco Botella. Laste mi reviziis ankaŭ la esperantan redonon de la franc-lingva vojaĝ-libro Ili vivis sur la tero de geedzoj Robineau, kaj la originalan kaj superban poemaron kantoj de anteo de la ĉina verkisto Mao Zifu.

Foje mi mem ankaŭ tradukis kaj eble mi iam baldaŭ ektradukos el Miguel Delibes kaj ankaŭ el Salvador Espriu kunlabore kun Abel Montagut). Ankaŭ el esperanto en la hispanan mi tradukis po unu novelon el Trevor Steele, Georgo Kamaĉo kaj John Francis. Pluse, en 1991 la tiama HEF-prezidanto Antonio Alonso petis de mi hispanlingvan informilon pri esperanto. Mi eklaboris, sed la rezulto fariĝis iom pli dika ol broŝuro —ĉirkaŭ cent paĝoj—, kaj HEF decidis nepublikigon. Ŝajne nun Kataluna Esperanto-Asocio interesiĝas pri tiu verko kaj eble ĝin eldonos ĉi- aŭ venont-jare.

*G.A: Kiu estas nun via ĉefa pri-esperanta okupo?*

---->>>

*A.V:* Sendube, la reviziado kaj kompletigo de la Granda Vortaro Hispana-Esperanta de Fernando de Diego.

*G.A: Kiel ekis la projekto Granda Vortaro Hispana-Esperanta? Ĉu vere de Diego verkis sola la unuan version? Kiel vi konatiĝis kun li?*

*A.V:* La ideo pri granda, plena, moderna, ekzemplo-riĉa vortaro jam de tre longe zumis en la kapo de Fernando de Diego. Certe li verkis sola ne nur la unuan version, sed la tutan vortaron (krom malmultaj kompletigoj). En 1990 li ekpaŝis, kaj lia vortara aventuro finiĝis en 1994, post iom pli ol kvar jaroj da laboro. En 1991 li petis mian helpon kaj de tiam ni kunlaboradas, ĉefe per konstanta leter-interŝanĝo.

De Diego'n mi ekkonis en 1985, kiam mi estis fakta komencanto. Li tiam loĝis en Zaragozo, kaj mi bonege memoras, ke mi iris ĉe lin kun kvar aliaj esperantistoj. Li kaj lia edzino Czesia afable regalis nin per lunĉo. Ne nur lia biblioteko, sed ankaŭ lia erudicio imponis nin: kia ĉiela donaco por komencanto soifa je respondoj al tiklaj demandoj gramatikaj!

*G.A: La laboro pri ĉi tiu projekto bezonis eĉ vojaĝon transoceanan. Kion vi povas rakonti pri tia sperto?*

**Atentu** ke Antonio Valen ne plu loĝas en Zaragoza sed en Vigo, urbo kie li sukcesis akiri per konkurso labor-postenon de instruisto.

Plian gratulon al li!

*A.V:* Tempo pasis de nia konatiĝo, kaj mi apenaŭ revidis lin unu-du fojojn, ĉar li baldaŭ iris loĝi en Venezuelon. Jarojn poste, li proponis renkontiĝon en Karakaso; feliĉe mi povis gasti ĉe li la tutan novembron de 1994 por antaŭenpuŝi la vortaregon. Fakte tiam mi vere konis lin.

Mi rimarkis, ke li apenaŭ ŝanĝiĝis dum la interaj naŭ jaroj: eble iom pli maldika, lia dorso plu defiis kurbiĝon malgraŭ tio, ke li tiam aĝis jam 74 jarojn. Tre frapis min, ke li deklaris sin spirita ido de Baroja, ĉar tio —laŭ mi— implicas fortan dozon da pesimismo. Ni kompreneble priklaĉis multajn aferojn de Esperantujo, nia opereta lando.

Mi demandis lin pri liaj tradukoj, kaj konfirmiĝis, ke lia plej ŝatata redono estas Cigana romancaro; cetere, mi sciiĝis, ke li unue tradukis La arbo de la sciado (de lia amata Baroja), kaj ne La lando de Alvargonzález, malgraŭ la eldon-datoj.

Mia monato en Venezuelo estis tre riĉiga sperto. La rilato inter Fernando, ties edzino Czesia kaj mi ĉiam glatis dum la tuta tempo, kvazaŭ inter gepatroj kaj filo: absolute nenia problemo. Czesia tre zorgis pri mi la tutan tempon: jen tipe pola ĉarmo kaj slava parolmaniero en la hispana. Parenteze, la hejma lingvo ne estis esperanto, sed la hispana, kvankam tiu paro konatiĝis en esperanto-medio. Verŝajne la tri unuaj jaroj da komuna vivo ili parolis esperante, sed poste, ili transiris al la hispana. Ankaŭ de Diego kaj mi ĉiam parolis hispane, neniam en esperanto, krom en la ĉeesto de aliaj karakasaj esperantistoj, kiuj ja volonte praktikis la internacian lingvon.

Mi tre agrable memoras ankaŭ pri la frato de Fernando, nome Óscar, kiu venis ĉiutage por laŭtlegi al mi la diversajn ŝanĝojn en la

vortarego, faciligante mian laboron. Li estas unu el la plej spritaj kaj kosmopolitaj homoj, kiujn mi konas.

Mi esperas, ke mi revidos Fernando de Diego, eble en Polio kie li nun loĝas, eble en Hispanujo antaŭ ol ni eldonos la vortaron.

*G.A: De Diego laboris dum pli ol 4 jaroj, ĝis oktobro 1994. Kio okazis de tiam?*

*A.V:* Ne pokaj aferoj. Ni havis veran problemon pri la (pra)komputila kopio de la vortaro, kiun ni devis transformi en version taŭgan por McIntosh'aj kaj por IBM-kongruaj komputiloj. La problemon ni ne povis solvi en Hispanio, malgraŭ tio, ke ni eĉ vizitis kolektiston de malnovaj komputiloj (!). Helpa mano etendiĝis el Italio tra la konata eldonisto Brunetto Casini (Edistudio), kiu hazarde konservis prakomputilon identan al la karakasa. Do, nur komence de 1996 la vortarteamo povis eklabori. De tiam jam pasis du jaroj kaj duono, sed la revizio ankoraŭ daŭras kaj —mi timas— plu daŭrados.

*G.A: Bonvolu priskribi la vortaron.*

*A.V:* Ĝi estas unudirekta, nome nur hispana-esperanta, sed ne esperanta-hispana. De Diego baziĝis sur la grandaj vortaroj hispana-angla kaj hispana-franca de Ramón García-Pelayo ĉe Larousse. Tio signifas, ke la dediega vortaro enhavas ĉirkaŭ 48500 kapvortojn (nun la nombro iom grandiĝis, sed mi ne scias, ĉu ni atingos la magian ciferon 50.000).

Tamen la ĉefa diferenco inter nia giganto kaj la du nuntempe aĉeteblaj E-vortaroj por hispan-lingvanoj —de J. Paluzie (Sopena) kaj de E. Tudela— ne koncernas nur la nombron de la kapvortoj —almenaŭ trioble pli—, sed ankaŭ la longecon de ĉiu artikolo.



*José Francisco Martín del Pozo, malaga samideano kiu faris la intervjon, kaj lerte prizorgas, interalie, la interretajn paĝojn de AEU*

En la du ĝisnunaj vortaretoj tute ne aperas frazeologio (parol-turnoj, proverboj, kliŝaj esprimoj), sed nur simplaj laŭvortaj ekvivalentoj de ĉiu kapvorto, punkto, fino. En la vortarego tamen, la vorto mano kaj ties frazeologio ampleksas minimume du paĝojn da dense tajpita teksto. Ĝis nun, la hispanlingvaj esperantistoj disponis nur modestajn dometojn; de baldaŭ, ili disponos ankaŭ belegan katedralon.

*G.A: Kiom da homoj partoprenas en la vortara projekto?*

*A.V:* Principe, estis sep vortarteamanoj: Fernando de Diego, Miguel Fernández, Miguel Gutiérrez Adúriz, Jorge Camacho, Hektor Alos, Ricardo F. Albert Reyna kaj

mi. Antaŭ nelonge aliĝis ankaŭ Leopoldo H. Knoedt. Fakte, la solaj, kiuj ellegis/-os la vortaron estas de Diego, Fernández kaj mi (eble ankaŭ Knoedt); la ceteraj tamen ne sidadas nenifare, sed alportas plej diversajn rimarkojn, aldonojn kaj sugestojn pri centoj da kapvortoj.

Cetere, mi ne rajtas forgesi Octavio kaj Óscar de Diego, fratoj de Fernando, kiuj enkomputiligis la tutan vortaron per prakomputiloj — kaj per senfina pacienco.

*G.A: Kio estas via kontribuo al la granda vortaro?*

*A.V:* Unue mi respondecas pri ĉiuj propraj nomoj kaj ties rilataj vortoj. Mi verkos ankau bonan enkondukan gramatikon de esperanto por hispanlingvanoj, kiu sidos antaŭ la vortaro.

Nur due, sed ne malpli grave, mi aparte zorgas pri homogenigo de la tuto laŭ leksikografiaj kriterioj. De Diego ne ĉiam metode sekvis regulajn kriteriojn, ne ĉiam laboris laŭ la sama kanvaso: fakte, li tradukis liajn font-vortarojn — cetere, tre bele kaj elegante. Mi devas do enmeti indikojn ene de la kapvortoj pri vortokategorioj, kaj ankaŭ interne reordigi la artikolojn laŭ la subsignifoj. Tre ofte, mi ankaŭ devas aldoni parentezajn klarigetojn pri tiuj diversaj subsignifoj. Mi celas, ke ĉiu komencanto povos uzi la vortaron senkomplekse: ni devas nepre eviti, ke ĝi taŭgos nur por bonaj posedantoj de la lingvo.

Trie, kiel ĉiu vortar-teamano, mi proponas aldonojn, modifetojn, kaj demetas preserarojn. Mi aparte strebas por kompletigi la proverban kaj parolturnan parton. Feliĉe, apenaŭ estas preseraroj, ĉar

Octavio kaj Óscar de Diego tre zorge faris sian transskriban laboron. Kaj se paroli pri veraj lingvaj eraroj de Fernando, mi tuj diru, ke mi trovis — malpli ol dek (!) en la tuta vortarego (1320 DIN-A-4 paĝojn).

*G.A: Kiaj perspektivoj pri eldonado? Kiom longe ni atendos ĝis ni povos havi la vortaron sur niaj bretoj?*

*A. V:* Multaj homoj demandas min kiam la vortaro pretos. Antaŭe, mi ĉiam konkretigis iun daton: en 1996, mi diris, ke fine de 1997; en 1997, mi diris, ke dum 1998... Kaj nun, en 1998, mi preferas ne plu diri ion ajn, ĉar vere, mi ne certas, ĉu la vortaro aperos en 1999, en 2000, en 2001 aŭ en 2009. Tro multaj aferoj dependigas la eldonon de la vortarego.

Principe, ni interkonsentis, ke Edistudio eldonos la vortaron en Pisa, Italio. Ŝajne, eblas eldonpropono al Don Libro (Madrido) kaj Sopena (Barcelono), ĉar estus ja interese trovi neesperantistan eldoniston; sed kompreneble Edistudio devus konsenti. Kelkaj diris dum la lasta HEF-kongreso, ke eble oni povus peti subvencion de Instituto Cervantes, ĉar ja finfine temas pri hispana vortaro, sed mi tre dubas, ĉu ni povos melki monon ekstermovade. Ni ne forgesu, ke la vortaro estos ja tre kosta (eble 12.000 ptojn), kaj oni devos pensi ian financadon — sed mi ja ne estas ekonomikisto.

*G.A. Dankon, Antonio. Ni deziras baldaŭan sukceson al la vortarteamo!*



## Emas korespondi

Mi, Nicole Dubos, ege dezirus trovi hispanan korespondantinon por mia filineto. Ŝi nomiĝas Emma, kaj aĝas 9 jarojn. Ŝi laboras hejme, kun guvernistino (sia patrino), izolita de samaĝulinoj, krom en sportoj kaj ludoj. Ni ambaŭ lernas Esperanton de nelonge. Estus grava kuraĝigo por ŝi rilati kun esperantlingva amikino. Adreso: Fraŭlino Emma Dubos. 39 rue de la Martinique. 13006 Marseille. France.





**JESU AL MI**

Jesu al mi,
kunulino,
maristino,
jesu al mi.

Diru, ke mi vidos marojn,
ke ĉe l' maro mi vin amos;
kunulino,
jesu al mi.

Diru, ke mi vidos ventojn,
ke ĉe l' vento mi vin amos,
maristino,
jesu al mi.

Jesu al mi,
kunulino,
jesu,
jesu al mi.

(El Maristo surtere)







Omaĝe



**GALOPE**

La tero, la tero, la tero hispana,
la vastaj, dezertaj kaj plataj sol-grundoj.
Galopu, ĉeval' blankpieda,
bravul' de l' popolo,
al Suno kaj Luno.

Galopu jam.
galopu jam,
ĝis ili kuŝos en la mar'.

Kiel koro sonas, resonas, resonas, resonas
la tero hispana ĉe l' hufuma kvaro.
Galopu, bravul' de l' popolo,
ĉeval' blankpieda,
ĉevalo el ŝaŭmo.

Galopu jam.
galopu jam,
ĝis ili kuŝos en la mar'.

Neniu, neniu, jen frontas neniu:
mort' estas neniu, se sur via selo.
Galopu, ĉeval' blankpieda,
bravul' de l' popolo,
ĉar vias la tero.

Galopu jam.
galopu jam,
ĝis ili kuŝos en la mar'.

[El Ĉefurbo de la gloro (1936-1938)]

Rafael Alberti

# Camacho en Lisbono

Jorge Camacho dum kelka tempo loĝis en Lisbono, kie li intensive studis la portugalan, kun la celo aldoni ĝin al siaj laborlingvoj. La 4an de septembro li vizitis la sidejon de Portugala Esperanto-Ascocio kaj tie prelegis pri la nuno kaj oso de la movado en Iberio. Ĉeestis ĉirkaŭ dudeko da homoj. La prelego estis tre interesa vigla kaj estigis polemikajn intervenojn de la publiko. Samtage vizitis la sidejon kaj tie filmis kaj intervjuis du riportistoj de la nova kabla televidkanalo CNL, Canal de Notícias de Lisboa (Lisbona Novaĵ-kanalo). Ili portugale intervjuis ankaŭ Camacho dum ĉirkaŭ dek minutoj. La 18an de septembro je la 10a horo CNL elsendis rektan programon pri esperanto. Ĝi konsistis el 20-minuta studia intervjuo kun Goncalo Neves kaj Miguel Faria de Bastos, la prezidanto de PEA, plus 10-minuta riporto kun kelkaj el la filmoj faritaj en la sidejo. Bedaŭrinde pro tempomanko oni ne aperigis la intervjuon kun Camacho.

*Gonçalo Neves*

* Ankaŭ alvenis la novaĵo ke du el la ok rakontoj de Jorge Camacho publikigitaj en la libro "Ekstremoj" (eldonita de IEM), nome "Deziro" kaj "Rúbens", aperis en la junia numero de la itala beletra kaj kultura revuo "Addictions". Paralele kun la itala teksto, traduko de Federico Gobbo, la responsuloj de la revuo trovis konvene aperigi la esperantlingvajn originalojn.

En alia paĝo de la revuo listiĝas adresoj de interretaj paĝoj pri la esperantaj lingvo kaj literaturo.

Cetere ĵus aperis "Hejma vortaro". En tiu verko nia akademiano kunlaboris en la hispanlingva parto.

*Maria Zocato*



# Jen aperis

Jen la listo de libroj laste alvenintaj al HEF. Ili apartenas jam al la Biblioteko Juan Régulo.

* **Hejma vortaro**. Red. Jouko Lindstedt. Rotterdam: Universala Esperanto-Asocio, 1999. 63p. ISBN 92 9017 065 4. 21cm. Vortareto de hejmaĵoj en Esperanto kun traduko en 13 naciaj lingvoj. Jorge Camacho respondecas pri la hispana parto.

* **Lingva arto** *Jubilea libro omaĝe al William Auld kaj Marjorie Boulton* Red. Vilmos Benczik. Roterdam. UEA, 1999, 5+217p ISBN 92 9017 064 6, 21 cm. 23 aŭtoroj omaĝas esee al la 75-jara jubileantoj.

* **Kulturo kaj sano** *Referaĵo por la Monda Jardeko de Kultura Evoluigo* Mrvyn Claxton. El la anglatrad. Helga Rapley. Rotterdam UEA, 1999. 42 p. ISBN 92 9017 060 3. 21 cm. Kiel evoluis la konceptoj de sano kaj malsano en diversaj lokoj kaj epokoj. Verkita de trinidada klerulo por UNESKO.

# JARABONOJ KAJ KOTIZOJ POR 2000

**Hispana Esperanto-Federacio**
Abonantoj el eksterlando (en eŭroj) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 25
(Por hispanoj vidu sur la 32a paĝo ) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . eŭroj – pesetoj
**Universala Esperanto-Asocio**
Individua Membro kun Gvidlibro (MG). . . . . . . . . . . . . . . . . . . 6,61 — 1.100
Individua Membro kun Jarlibro (MJ) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 16,23 — 2.700
Individua Membro plus abono al E-o (MA) . . . . . . . . . . . . . . 40,87 — 6.800
Simpla abono al Esperanto, sen membreco (SA). . . . . . . . . . . 25,84 — 4.300
Simpla abono al Kontakto, sen membreco (Kto). . . . . . . . . . . 15,63 — 2.600
Societo Zamenhof, sen membreco en UEA (SZ). . . . . . . . . . 81,74 — 13.600

✓ Rim: La kategorio (MG) ne rajtigas rabaton en la UK. La kategorioj MJ kaj MA inkluzivas por la junuloj (ĝis 29 j.) membrecon en TEJO kaj ricevon de Kontakto.

**Eventoj** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . (aere: 6.450) 5.550
RET-INFO . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 3.375

✓ [P] HEF.

**KAE-Informilo**. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1.000

✓ [P] Santiago Torné; Roca 22, 3-er, 1-a; 08208 Sabadell; Caixa 21000461960200045498.

**La Gazeto** (ses numeroj). . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 4.500
**Heroldo de Esperanto** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 4.250
**Literatura Foiro** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 4.200
**Internaciisto** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 15 — 2.500

✓ [P]: Luis Serrano; C/ Font Nova, 32; 08202 Sabadell; Tel. (93) 7275021; Caja Postal 06 2813 0146061.

**Monato** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . (aere, 37 – 6.156) . . . . . . . 32 – 5.324
**La jaro** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 5 – 832
**Literatura Foiro** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 4.200
**La Ondo de Esperanto** (12 numeroj jare). . . . . . . . . . . . . . . . . 22 – 3.661

✓ [P]: Juan Azcuénaga, Gral Dávila, 127, portal 7, 2 I; 39007 Santander. Caja Postal n-ro 3548531

**Kajeroj el la Sudo.** (Trimonata) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 6 — 1.000

✓ [P]: José M. Bernabeu; Primo de Rivera, 8; 03360 Callosa de Segura (Alicante). Caja Postal 28.09.722.429.

**El Popola Ĉinio**. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 5.100

✓ [P]: Felix Gómez; Corbeta 8, 5A; 28042 Madrid.

**Rokgazet'** (4 numeroj, en eŭroj). . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 15,09

# Aniĝilo por 2000

(Foto)kopiu kaj poŝtu aŭ faksu al la HEF-oficejo. Bv. skribi klare.

**Personaj datenoj :**

Kompleta nomo : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Annumero: . . . . . . . . . .
Adreso : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Poŝtkodo kaj urbo : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Tel. : . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Naskiĝdato : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Retadreso: . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

**Aniĝo :**

☐ OM ordinara membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 4.160 ESP - 25,00 EŬR
☐ kun junulkarto . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 3.744 ESP - 22,50 EŬR
☐ PM patrona membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 8.319 ESP - 50,00 EŬR
☐ KM kolektiva membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 8.319 ESP - 50,00 EŬR
☐ EM (nur por jamaj EM-anoj 1995e) . . . . . . . . . . 3.318 ESP - 20,00 EŬR

Ĉiu ano ricevas *Boletín*; infanoj ĝis 12 jaroj *Juna Amiko*; junuloj inter 13 kaj 30 jaroj, *Kontakto* kaj *Koncize.* **PM**-anoj ricevas 5-centonan rabaton je mendoj de libroservo kaj je abono al *Eventoj*, *Esperanto* kaj *Kontakto*.

**Pagmaniero :**

☐ Bankordone (nur por aniĝo; plenigu la malsupran formularon).
☐ Enspezo en konton 14.011.966 de Caja Postal (kunsendu spezilon).
☐ Ĉeko por "Federación Española de Esperanto" (aldonu 375 ESP).
☐ Elspezo en la konton hefb-m de U.E.A. (kunsendu ĝirilkopion).

Dato :

Subskribo:

**DOMICILIACIÓN BANCARIA**

Banco o caja:
Dirección:
Código postal y localidad:
C.C.C.: ☐☐☐☐ ☐☐☐☐ ☐☐ ☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐
entidad sucursal D.C cuenta

Muy señores míos:

Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que les sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha: Nombre y firma del titular:




Hispana Literaturo estas libroserio unika en la esperanta movado. Ĝi liveras al la mondo klaran bildon pri la literaturo en nia lando, kaj al niaj ne-esperantistaj samlandanoj prestiĝan bildon pri nia agado. Ĉu vi jam posedas la tutan serion?

# Libroservo de HEF

Nova katalogo de libroj estis dissendita al ĉiu kliento de Libroservo. Legantoj de Boletin povas ricevi ĝin sendante neuzitajn poŝtmarkojn (entute nur 50 pesetojn) ene de koverto adresita al la poŝta adreso de Libroservo: Apartado 119; 47080 Valladolid.

Same kiel en pasintaj jaroj, dum la periodo de la 15a de decembro 1999 (Tago de la libro en Esperanto) ĝis la 15a de januaro 2.000 (Kristnaskaj kaj Novjaraj Festoj), ĉiu mendanto de libroj ricevos rabatkuponon kies valoro estos 10% de la neta valoro de la libro(j) aĉetita(j). La valoron de la kupono oni dekalkulos de estonta mendo, laŭ la kondiĉoj menciitaj sur la rabatkupono.

Laŭ informo ricevita de UEA la libro "Plena Analiza Gramatiko" estas elĉerpita.

*Luis Hernández.*

***Libroservo de HEF; Apartado 119; 47080 Valladolid***
***tel: 98326-00-86***

Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora